# PENSEO

**N-ro 233**

**mar. / 2011**

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 22-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Gafur Gazizi (Rusujo)



### Mesaĝo de Maria

Vespere ĉe la monitoro
en reto mi deĵore pendas.
Poemon mildan kun bonkoro
al mi Maria ĉarma sendas.

Kaj flugas mi sur la magia
tapiŝo al miraĝa lando
kaj tie florojn al Maria
mi plektas en fascina kanto.

Ĝardenon ravan mi trairas,
sekvante paŝojn de l' gazelo,
kaj enamiĝe pli admiras
fabelojn sub la luna helo...

Kaj novan trovas mi mesaĝon—
respondon koran de Maria—
kaj aŭdas la profetan saĝon
en la letero poezia.

Kaj kiel preĝo el Korano,
sur miaj lipoj brulas arde
kromteksto sankta, de la amo
teksita en literojn arte.

Al miaj fratoj-saracenoj
mi devas iri kun admono,
ke ne koleron kaj malbenojn,
sed amon semu ĉiu homo.

(30 jan. 2011)



## Ŭel (Brazilo)



### Maro

Promenas mi apud vi nun maro
kaj lasas min esti tuŝata
de viaj akvoj kun ĉiom tiel nova.

Vi havas la ŝajnon de ĉio kion mi volas
kaj kiom ajn tion mi konvinkiĝas
jam diluita de vi mi estas en vicon da ridoj.

Kaj ĉio finiĝas per ondo via
kiu portas al mi vorton
kies salon haŭto kun kia lerto scios deĉifri.

Dolĉe estas mediti, kiellonge ni nin konas,

konstati ke via eĥ' ankoraŭ samas.

Nur, mi ne scias kiel min vi vidas.

## Lampiroj...

Kies glaŭkaj okuloj estas vi
petol-palpebrume,
tien kaj reen,
en malica provokado al dormema ĉi humida
nokto?!

Lampetoj fosforeskaj!!
Iru kaj venu,
venu kaj iru...
Dum longaj longaj horoj tenu ĉi feliĉan
feston!...
[Al aŭroro, mi petas, vekiĝu iom malfrue ĉi-foje...]

*Noto: Inspire de reala sceno ĉi-momente okazanta super paŝtejo antaŭ mia domo, la nokto estas agrable freŝa post leĝera pluveto (ni estas en somero)*



## Camille (Francujo)



## Verda Kanzoneto

Oo-ooh, justa kompato,
Ho mi amas vin,
Al ĉiuj vivantoj,
Verda kompato...

Oo-ooh, paca insulo,
Ho mi aliras vin,
Serĉante la vojon,
Verda insulo...

Oo-ooh, gaja konsolo,
Mi gastigas vin,
Vi flegis mian koron,
Verda konsolo...

Oo-ooh, kora amikeco,
Ho mi dankegas vin,
Tra ĉiaj limoj,
Verda amikeco...

Oo-ooh, interna ideo,
Ho mi vartas vin,
Vi ravas miajn pensojn,
Esperantujo...



## Anna Karlik (Hungarujo)



## Provo montri belan poemon

Almenaŭ kiam
devas diri ni du
mi kaj vi ankaŭ
unu al alia:
"Ĝis" aŭ "adiaŭ"
al niaj animoj
ĉiufoje preskaŭ
morto estas tiu,
por ili ambaŭ.

Ĉu ekzistis fojo
kun havanta sento:
Ĵus el via koro

forflugis somero
al la malproksimo,

brilaj sun-okuloj
de viaj revsonĝoj
iĝas atendantaj
nubomalklarecan
sunsubiron tiam?

Kaj ĉu jes, mi pravas,
vi jam iam sentas:
ne pli multe mildas
ĉi tiel, ol morto
kaj ankaŭ forpaŝo
ne 'stas pli da mildo,
ol ĉi adiaŭo,
ol jena ĉi tiu?



## Paŭlo Sena (Brazilo)



# MEMOROJ DE L'ANTIKVA TEMPO

Praulo forflankiĝis de l' idaro
Kaj kuris tra l' epokoj de l' terglobo.
Jen kuro tre freneza kun ĉevalo!
Sen timo, sen timemo kaj sen ordo.

La muro detruiĝis pro la salo.
Je tempo malproksima ĝi disfalis.
Naturo ĝin forĵetis al la maro,
Ĉar seka marventeto ĝin malfaris.

De sudo ĝis la nordo, en la valo
L' okuloj malfermiĝis kaj rigardis
La bruon kruelegan de la falo.
La timo de la koro tuj ekardis!

La fera kavaliro de l' Praeco,
Eĉ estante libera de singardo,
Silentiĝis kaj haltis je l' aŭdado;
Sin turnis kaj sin kaŝis ĝis la ĉeso!

# IMAGOJ

Imagoj varmetaj disfluis ĉiupensen.
Veramaj pensaĵoj ribelis kaj rezistis.
L' imagoj ne timis kaj iris ĉiumensen.
Konsentis la mensoj: l' imagoj kunekzistis.



## Erzsébet Tuboly (Hungarujo)



# Limerikoj kaj limeriksimilaj rimludoj

### Anjo Amika, la mirindvoĉa najtingalo

En la densa grandurba ĝangal'
Vivas kantbirdeto najtingal'
Ŝi, Anjo Amika
Ege romantika
Surbruste floreto anagal'

*

### Por brazila amiko Wel kaj usona amiko Lariko

En Brazilo loĝas kara Wel
Ŝatus vojaĝi per karavel'
Al rivero iris
Ĉe haveno miris
Karavel' estis el karamel'

*

En fora land' sub lariko
Vivas li, rimema Lariko
Pensadis li forte
En dom' kaj surkorte
Kaj jen, naskiĝis limeriko



*

tri edzinojn havas ĉi ulo
kial faras tion vi, vi mulo
unu edzino ja absurda
du estus bigamio murda
mi estas pri geedziĝ' fakulo

*

ĉe la blua lago fakulo
fiŝkaptadi volus per kulo
sed la obstina insekto
an' de sinmortiga sekto
simple transformiĝis makulo

*

belulin'en lito kuŝis
viro ŝin tenere tuŝis
malkovris garde
ekfajfis arde
tutan idilion fuŝis



*

bela knabino staras ĉe muro
loge montriĝas ŝia femuro
mi vane ŝin amas
domaĝe mi lamas
krome, povrul' mi, estas lemuro

*

jen frenezeta amazono
vestita sin nur per mamzono
feliĉe fajfas
mesaĝon tajpas
MIN gapas tuta garnizono



*

Olda avino en Buda*
Promenas surstrate nuda
Gaje ŝi kantas
Tiel min amas
Belega karulo juda

*\ *Buda estas okcidenta parto de Budapest*

## Wisława Szymborska （1923-）



# La cepo

La cepo –tutalia afero.
Ĝi internaĵojn ne havas.
Kaj estas cepa komplete,
ĝis la fino cepeca.
Cepoforma ekstere,
cepa ĝis kerne,
povus rigardi sin internen
la cepo, sen hideco.

En ni fremdej', sovaĝejo
apenaŭ per haŭto kovrita,
internaĵoj inferaj,
anatomio violenta,
kaj en cepo - la cepo,
ne intestoj torditaj.
Ĝi plurfoje nudas,
ĝisfunde ĝi estas identa.

Logika estas la cepo,

la cep, kreaĵo perfekta.
Jen en unu la dua,
la granda enhavas pli etan
kaj denove alia sekvas,
do tria kaj kvara.
Centripeta sinsekvo,
enorda ĥora eĥo.

La cepo, jes, en fundo
La ventr’ plej bela en mondo.
Sin ĉirkaŭas de aŭreolo
por sia propra gloro.
En ni – nervoj, vejnoj, grasoj,
mukaj kaj sekreciaj specoj.
Al ni estas rifuzita
idiotaĵo de l’ perfekteco.

*Tradukis*



**Helena Tylipska (Italio)**

# Ĉineske

## Cezar (Germanujo)



### TRETATAJ TAGOJ

—laŭ ĉineska skemo Yexingchuan*

Trotas tretataj tagoj
senvorte
kiel plagoj.
Ĝemoj lacas
en obtuzo
sen freŝaj imagoj.

Kape eĉ mankas agoj.
Senfortas
ĉiuj vagoj.
Viv' tenacas.
Tro da ruzo,
tro gravas la flagoj.

**Yexingchuan (nokta ŝipvojaĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun ses versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

### DIKA KAJ TAMEN GRAVA

(por Beth Ditto)

—laŭ ĉineska skemo Busuanzi*

Ŝia dikeco
plu zorgas por bru'.
Sed ŝi kantas bonege
punkbande kun ĝu'.

Amas ŝi inon,
sed ne por skandal'.
Ŝi ĝin diras publike
en tv-kanal'.

Kreas ŝi modon
por si kun plezur'.
Ŝi sin montras eĉ nuda,
sed pozas ne nur.

Beth tre sentimas
pro granda kuraĝ.'
Ŝi por dikaj tre ĝravas,
por ĉiuj, pro saĝ'.

**Busuanzi (aŭguristo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

## Cindy Mckee (Usono)



### Direktoj al mi

—laŭ ĉineska skemo Yexingchuan

Apud ferruba stako
turnu vin
al sur ŝlako—
pado taŭga.
Mi kreis ĝin.
Antaŭ vi, jen lago.

En iama barako
sur stilzoj,
sen kloako.

Sur eskalo
atentiĝu—
subas akva vako.



## Nathaniel Hawthorne



**(1804 – 1862)**

# La Katastrofo de S-ro Higginbotham

Junulo, profesie tabakkolportisto, estis survoje el Morristown, kiam li komercis precipe kun la dekano de la Shaker konumumo[1], al la vilaĝo de Parker's Falls, apud la Rivero Salmo. Li havis simplan malgrandan ĉaron, verdfarbitan, kun kesto da cigaroj designita sur ĉiu flankpanelo, kaj indianĉefo, portanta pipon kaj oran tabaktigon, sur la malantaŭo. La kolportisto pelis lertan malgrandan ĉevalinon, kaj la juna viro havis bonegan karakteron, avida por lerta marĉandaĵo, sed ne malpli ŝatata de la jankioj, kiuj preferis esti razita per akra razilo ol per malakra. Precipe li estis amita de la belaj knabinoj laŭ la rivero Konektikuto, kies favoron li allogis per donacoj de la plej bona fumtabako en sia stoko, sciante bone tion, ke la kamparknabinoj de Novanglujo estis bonegaj uzantoj de pipoj[2]. Aldone, kiel montriĝos en la kurso de mia rakonto, la kolportisto estis scivolema, kaj iugrade klaĉemulo, ĉiam avida por aŭdi la novaĵon kaj por rediri ĝin.

Post frua matenmanĝo en Morristown, la tabakkolportisto, kies nomo estis Dominicus Pike, veturis sep milojn tra senhoma arbara etendo, ne parolante iun vorton al iu krom si mem kaj sia malgranda griza ĉevalino. Estas preskaŭ la sepa, kaj li estis tiel avida por konduki matenan klaĉadon kiel urba butikisto por legi la matenĵurnalon. Oportuno ŝajnas ĉi-mane kiam, post li ekbruligis cigaron per sunvitro, li superrigardis kaj vidis viron venantan de la kresto de monteto, ĉe le fundo de kiu la kolportisto haltigis sian ĉaron. Dominicus rigardis lin dum li malsupreniris, kaj rimarkis, ke li portis pakon super sia ŝultro ĉe fino de bastono, kaj veturis per laca, sed insista paŝo. Li ne aspektis tiel, kiel li komencis freŝe matene, sed kiel li piediris tra la nokto, kaj intencis daŭri tra la tuta tago.

"Saluton, sinjoro," diris Dominicus, kiam ili estis en paroldistanco. "Vi iras iom rapide. Kio estas nova el Parker's Falls?"

La viro tiris la larĝan randon de griza ĉapelo super sian okulojn kaj respondis, iom moroze, ke li ne venis de Parker's Falls, kiun, kiel la limo de sia tagveturo, la kolportisto nature menciis en sia demando.

"Nu," respondis Dominicus Pike, "ni havu la plej lastan novaĵon de tie, el kie vi venis. Mi ne aparte zorgas pri Parker's Falls. Iu loko sufiĉas."

Tiel petita, la veturanto—iu estis tia plej malbelaspekta ulo kiun oni dezirus renkonti en senhoma arbarloko—ŝajnis heziti iome, kvazaŭ li serĉis sian memoron por novaĵo, aŭ konsideris la saĝecon diri tion. Fine, paŝanta sur la stupon de la ĉaro li flustris al la orelo de Dominicus, kvankam li povus krii kaj neniu alia mortontulo aŭdus lin.

"Mi ja memoras unu novaĵeton," li diris. "La maljuna S-ro Higginbotham, de Kimballton, estis murdita en sia fruktarbaro, je la oka hieraŭnokte, de irlandano kaj nigrulo. Ili pendumis lin de la branĉo de sanktmikaela pirarbo, kie neniu trovos lin ĝis la mateno."

Kiam ĉi tiu horora novaĵo estis komunikita,

la fremdulo rekomencis sian vojaĝon, ne eĉ turnante sian kapon kiam Dominicus invitis lin fumi hispanan cigaron kaj raporti ĉiujn detalojn. La kolportisto fajfis al sia ĉevalinon kaj supreniris la monteton, pripensante la malĝojan sorton de S-ro Higginbotham, kiun li konis per komerco, ĉar li vendis al li multajn faskojn da longaj naŭoj, kaj grandan kvanton de porkvosto, virintordaĵo, kaj figtabako. Li miris pri la rapideco per kiu la novaĵo vastiĝis. Kimballton estis preskaŭ sesdek mejloj for, laŭ rekta linio; oni faris la murdon je la oka dum la antaŭa nokto; sed Dominicus aŭdis de ĝi je la sepa dum la mateno, kiam plej verŝajne, la familio de la malfeliĉa S-ro Higginbotham ĵus ektrovis la kadavron, pendanta de la sanktmikaela pirarbo. La piediranta fremdulo devis porti sepleŭgajn botojn por veturi tiel rapide.

"Malbona novaĵo flugas rapide, oni diras", pensis Dominicus Pike, "sed ĉi tio estas pli rapida ol fervojoj. Oni devus dungi tiun ulon por porti la Mesaĝo de la Prezidanto."

La malfacilaĵo estis solvita per supozo ke la rakontanto faris eraron de unu tago pri la okazdato; tial nia amiko ne hezitis enkonduki la historion ĉe ĉiu taverno kaj kamparbutiko laŭ la vojo, elspezante grandan kvanton de hispanaj venditaĵoj inter almenaŭ dudek hororigitaj aŭdantaroj. Li konstatis, ke li estis nepre la unua portanto de la novaĵo, kaj okazis tiom da demandoj ke li ne povis eviti aldoni detalojn al la skizo, ĝis ĝi fariĝis respektinda rakonto. Li renkontis pecon da konfirmanta indikaĵo. S-ro Higginbotham estis komercanto, kaj estinta komizo de lia, al kiu Dominicus diris la faktojn, atestis ke la maljuna viro kutime revenis hejmen tra la fruktarbaro je la sunmalleviĝo, portante la monon kaj gravajn paperojn de la butiko en sia poŝo. La komizo montris mulmultan malĝojon pri la morto de S-ro Higginbotham, aludante, kiel la kolportisto mem malkovris dum sia merĉandoj kun li, ke li estis malagrabla maljunulo, tre ŝparema. Lia havaĵo herediĝos al bela nevino kiu nun mastris lernejon en Kimballton.

Pro sia dirado de la novaĵo por publika bono, kaj merĉando por sia propra bono, Dominicus estis tiom malfruigita survoje ke le elektis resti en taverno, proksimume kvin mejloj for de Parker's Falls. Post vespermanĝo, ekbruligante unu de siaj plej bonaj cigaroj, li sidis sin en la trinkejĉambro, kaj rakontis la historion de la murdo, kiu kreskis tiel rapide, ke li bezonis duonhoron por rakonti. Estis dudek homoj en la ĉambro, el kiuj deknaŭ ricevis ĝin kiel evangelio. Sed la dudeka estis maljuna bienulo, kiu alvenis surĉevale antaŭ dudek minutoj, kaj nun sidis en angulo fumante sian pipon. Kiam la rakonto finis, li stariĝis malrapide, irprenis sian seĝon rekte antaŭ Dominicus, kaj rigardis lin rekte, elspirante la plej aĉan tabakfumon kiun la kolportisto iam ajn flaris.

"Ĉu vi atestos", postulis li, per tono de kampara juĝisto dum enketo, "ke la maljuna S-ro Higginbotham estis murdita en sia fruktarbaro je la nokto antaŭ hieraŭ, kaj trovita pendanta de sia granda pirarbo hieraŭmatene?"

"Mi rakontas la historion tiel, kiel mi aŭdis ĝin, sinjoro," respondis Dominicus, faligante sian duonbrulitan cigaron; "Mi ne diris, ke mi vidis la agon. Tial mi ne povas ĵuri ke li estis murdita precize tiel."

"Sed mi povas ĵuri," diris la bienulo, "ke se S-ro Higginbotham estis murdita je la nokto antaŭ hieraŭ, mi trinkis glason de amaraĵon kun sia fantomo je tiu mateno. Kiel najboro de mia, li vokis min en sian butikon, kiam mi preterrajdis, kaj regalis min, kaj petis, ke mi faru iom da komercon por si survoje. Li ne ŝajnis scii iom pli pri sia propra murdo oi mi sciis."

"Nu, tial tio ne povas esti fakto!" kriis Dominicus Pike.

"Mi pensas, ke li mencius, se tio estus," diris la maljuna bienulo; kaj li reportis sian seĝon al la angulo, lasante Dominicus-on tre

ĉagrenita.

Ĉi tie estis malfeliĉa resurekto de maljuna S-ro Higginbotham! La kolportisto havis neniun koron por miksi plu en la parolado, sed komfortis sin per glaso de ĝino kaj akvo, kaj enlitiĝis kie, dum la tuta nokto, li sonĝis pri pendado de la sanktmikaela pirarbo. Por eviti la maljuna bienulo (kiun li abomenis tiel, kiel lia pendado plaĉus al si pli bone al tiu de S-ro Higginbotham), Dominicus ellitiĝis dum la matengrizo, jungis la ĉevalinon al la verdan ĉaron, kaj trotis rapide al Parker's Falls. La freŝa venteto, la rosa vojo, kaj la agrabla somersunleviĝo revivigis sian spiriton, kaj eble kuraĝigius lin ripeti la malnovan historion, estus iu maldorma por aŭdi. Sed li renkontis nek oksjungitaron, kaleŝon, rajdanto, nek piedveturanto ĝis tiam, kiam li transiris la riveron Salmo, kaj viro piediris al la ponto kun pakon super sia ŝultro, ĉe la fino de bastono.

"Saluton, sinjoro", diris la kolportisto, haltigante sian ĉevalinon. "Si ve iris de Kimballton aŭ tiu najbareco, eble vi povas diri al mi la realan fakton pri ĉi tiu afero de maljuna S-ro Higginbotham. Ĉu la maljunulo vere estis murdita antaŭ du aŭ tri noktoj, de irlandano kaj nigrulo?"

Dominicus parolis tro rapide por rimarki, unue, ke la fremdulo mem havis profundan aspekton de negra sango. Aŭdante ĉi tiun subitan demandon, la etiopo ŝajnis ŝanĝi sian haŭton, kiu fariĝis al abomena blankeco, dum, tremante kaj balbutante, li tiel respondis: "Ne! ne! Estis neniu nigrulo! Estis irlandano kiu pendumis lin hieraŭnokte, je la oka. Mi ellasis je la sepa! Ne eblas, ke lia parencoj jam serĉis lin en la fruktarbaro."

La bruna viro apenaŭ parolis, kiam li interrompis sin, kaj kvankam li ŝajnis laca antaŭe, rekomencis sian veturon je rapideco kiu postulus troton por la ĉevalino. Dominicus fiksrigardis lin konfuzege. Se la murdo ne okazis antaŭ mardonokto, kiu estis la profeto kiu antaŭdiris ĝin, kun ĉiuj de ĝiaj cirkonstancoj je mardomateno? Se la kadavro de S-ro Higginbotham estas ankoraŭ ne trovita de la familio, kiel la mulato, tridek mejlloj for, sciis ke ĝi pendas en la arbaro, eĉ se li lasis Kimballton antaŭ la mizerulo estis pendumita? Ĉi tiuj neklaraj circonstancoj, kun la surprizo kaj teruro de la fremdulo, kaŭzis Dominicus konsideri krion kontraŭ lin, kiel komplico, ĉar murdo, ŝajne, efektive okazis.

"Sed lasu la mizerulo iri," pensis la kolportisto. "Mi ne volas ke sia nigra sango estu je mia kapo; kaj pendumi la nigrulo ne malpendumas S-ro Higginbotham. Malpendumi la maljuna sinjoro; estas peko, mi scias, sed mi malamus tion, ke li reviviĝus duafoje kaj farus el mi mensoganto."

Kun tiuj meditaĵoj, Dominicus veturis sur la straton de Parker's Falls, kiu, kiel ĉiu scias, tiel bone prosperas kiel vilaĝo kun tri kotonfabrikoj kaj segmuelo. La maŝinaĵo ankoraŭ ne funkciis, kaj malmultaj butikpordoj malfermiĝis, kiam li elĉaris en la stalkorto de la taverno, kaj unue mendis por la ĉevalino kvar kvartojn da aveno. Lia dua devo, kompreneble, estis diri la katastrofon de S-ro Higginbotham al la gastejmastro. Li taksis konsilinde tion, ke li ne estu tro certa pri la dato de la malĝoja fakto, kaj ankaŭ estu necerta pri tio, ĉu la farintoj estis irlandano kaj mulato, aŭ filo de Erino sole. Nek li asertis, ke li rakontis laŭ sia propra aŭtoritato aŭ tiu de iu sola persono; sed li menciis ĝin kiel raporto ĝenerale disdirita.

La rakonto kuris tra la urbeto kiel fajro inter sekaj arboj, kaj fariĝis tia universala parolo ke neniu povis diri, de kie ĝi devenis. S-ro Higginbotham estis tiel bonkonata ĉe Parker's Falls kiel iu vilaĝano, estante partoposedanto de la segmuelo kaj impona akciulo de la kotonfabrikoj. La loĝantoj interesiĝis pro sia propra prospero pri lia sorto. Tia estis la ekscito, ke la Gazeto de Parker's Falls publikigis, antaŭ sia kutima eldondato, duonpaĝon de blanka papero kaj kolumno de

duobla cicero emfazita per majuskloj, kaj titolita HORORA MURDO DE S-RO HIGGINBOTHAM! Inter la abomenaj detaloj, la presita raporto priskribis la markon de la ŝnuro ĉirkaŭ la kolo de la mortintulo, kaj diris la nombron da miloj da dolaroj de kiuj li estis rabita; estis multa da patoso pri la sufero de lia nevino, kiu svenis ree kaj ree ekde tiam, kiam ŝia onklo estis trovita pendanta de la sanktmikaela pirarbo kun sia poŝoj interno-eksteraj. La vilaĝa poeto simile memorhonoris la lamentadon de la junulino per deksep strofoj da balado. La magistrato kunsidis, kaj, pro la pretendoj de S-ro Higginbotham je la vilaĝo, decidis eldoni folioj kiuj promesis rekompencon de kvin cent dolaroj pro la kapto de lia murdintoj, kaj la repreno de la ŝtelita havaĵo.

Dume, la tuta popolo de Parker's Falls, inkluzive de butikistoj, mastrinoj de pensionoj, fabrikknabinoj, muellaboristoj, kaj lernejknaboj, rapidis en la straton kaj daŭrigis tian paroladon kiu pli ol kompensis la silenton de la kotonmaŝinoj, kiuj detenis sin de sia kutima bruo pro respekto por la mortinta. Se S-ro Higginbotham zorgus pri postmorta renomo, sia maloportuna fantomo ĝojegus pro tiu tumulto. Nia amiko Dominicus, pro sia korvanteco, forgesis siajn intencajn amtaŭzorgojn kaj staranta sur la vilaĝa pumpilo, anoncis sin kiel portanto de la aŭtentika informo kiu kaŭzis tian mirindan sensacion. Li tuj fariĝis la granda viro de la momento, kaj ĵus komencis novan eldonon de la rakonto, per voĉo kiel kampopastro, kiam la diliĝenco iris en la vilaĝan straton. Ĝi veturis tra la nokto, kaj certe ŝanĝis ĉevalojn ĉe Kimballton, je la tria matene.

"Nun ni aŭdos la detalojn," kriis la amason. La kaleŝo rulis al la kvadrato de la taverno, sekvita de milo da homoj; ĉar se iu viro prizorgis sian propran aferojn ĝis tiam, li nun lasis ĝin, por aŭdi la novaĵon. La kolportisto, plej antaŭ en la vetkuro, trovis du pasaĝerojn, ambaŭ ekvekitaj el profunda dormo por trovi sin en la centro de homamaso. Ĉiu homo atakis per apartaj demandoj, ĉiuj parolitaj samtempe, kaj la duopo estis senparola, kvankam unu estis advokato kaj la alia junulino.

"S-ro Higginbotham! S-ro Higginbotham! Diru al ni la detalojn pri la maljuna S-ro Higginbotham!" kriis la amaso. "Kio estas la verdikto de la mortenketisto? Ĉu oni kaptis la murdintoj? Ĉu la nevino de S-ro Higginbotham resanigis de sia svenado? S-ro Higginbotham! S-ro Higginbotham!"

La koĉero diris neniun vorton, krom sakri terure al la gastejmastro ĉar li ne irprenis freŝajn ĉevalojn. La advokato en la kaleŝo kutime tenis sian aplombon eĉ dum dormo; lia unua ago, post li lernis la kaŭzon de la ekscito, estis trovi grandan, ruĝan monujon. Dume Dominicus Pike, estante ĝentilega juna viro, kaj ankaŭ kredante ke ina lango dirus la rakonton tiel facile kiel lango de advokato, kondukis la virino el la kaleŝo. Ŝi estis eleganta, inteligenta knabino, nun tute maldorma kaj tre vigla, kaj havis ian dolĉan, belan buŝon, ke Dominicus preskaŭ preferus aŭdi amrakonton de ĝi ol murdrakonton.

"Gesinjoroj," diris la advokato al la butikistoj, la muellaboristoj kaj fabrikknabinoj, "Mi povas certigi vin, ke iu neklarigebla eraro, aŭ pli verŝajne, intenca mensogo, malice elpensita por difekti la krediton de S-ro Higginbotham, ekscitis tiun strangan tumulton. Ni pasis tra Kimballton je la tria tiun matenon, kaj certe estus sciigitaj pri la murdo, se iu okazus. Sed mi havas pruvon preskaŭ tiel forta kiel la buŝa atesto de S-ro Higginbotham mem, de la mala. Ĉi tie estas noto rilata al proceso de lia en la tribunaloj de Konektikuto, kiu estis liverita al mi de tiu viro mem. Mi trovas ĝin datitan je la deka hieraŭnokte."

Tiel dirante, la advokato montris la daton kaj subskribon de la noto, kiu sendube pruvis, aŭ ke la perversa S-ro Higginbotham vivis

kiam si skribis ĝin, aŭ--kiel iuj supozis esti la pli verŝajna kaŭzo el du dubindaĵoj--ke li estis tiel okupata de monda komerco, ke li daŭris fari ĝin eĉ post sia morto. Sed neatendita indikaĵo aperis. La juna virino, post ŝi aŭskultis la klarigon de la kolportisto, nur prenis monenton por glatigi sian robon kaj ordigi siajn buklojn, kaj tiam aperas ĉe la tavernpordo, farante modestan signalon por esti aŭdita.

"Bonaj homoj," diris ŝi, "Mi estas la nevino de S-ro Higginbotham."

Miranta murmoro pasis tra la amaso kiu vidis ŝin tiel roza kaj vigla; tiu sama malfeliĉa nevino, kiun ili supozis, laŭ la aŭtoritato de la Gazeto de Parker's Fall, kuŝas apud morto pro svenado. Sed iuj ruzaj uloj dubis tra la ekscitiĝo ĉu juna virino estus tiel senespera pro la pendumo de riĉa maljuna onklo.

"Vi vidas," daŭris Fraŭlino Higginbotham kun rideto, "ke tiu stranga rakonto estas tute senfunda pri mi, kaj mi kredas ke mi povas atesti ankaŭ pri mia kara onklo Higginbotham. Li afable donas al mi hejmon en sia domo, kvankam mi kontribuas al mia propra subteno per instruado en lernejo. Mi lasis Kimballton je ĉi tiu mateno por pasigi la ferion de la diplomceremonisemajno kun amikinon, proksimume kvin miloj for de Parker's Falls. Mia sindona onklo, kiam li aŭdis min sur la ŝtuparo, vokis min al sia litflanko kaj donis al mi du dolarojn kaj kvindek centonojn por pagi mian diliĝenckoston kaj pluan dolaron por miaj aldonaj elspezoj. Li tiam metis sian monujon sub sian kapkusenon, premis mian manon, kaj konsilis min preni iujn panbuletojn en mia sako, anstataŭ aĉeti matenmanĝon survoje. Mi fidas, tial, ke mi lasis mian amatan kaj vivantan parencon, kaj fidas ke mi trovos lin tiel je mia reveno."

La juna virino riverencis je la fino de sia parolo, kiu estis tiel bonsenca kaj elokventa, kaj farita kun tia graco kaj ĝentileco, ke ĉiu taksis ŝin taŭga esti estrino de la pli bona akademio en la ŝtato. Sed fremdulo supozus ke S-ro Higginbotham estus abomenaĵo ĉe Parker's Falls, kaj ke oni proklamus dankfeston pro sia murdo; tiel troa estis la kolero de la loĝantoj je la malkovro de sia eraro. La muellaboristoj decidis doni publikajn honorojn al Dominicus Pike, nur hezitantaj ĉu kovri lin per gudro kaj plumoj, porti lin sur relo, aŭ refreŝigi lin per lavado ĉe la vilaĝa pumpilo, sur kiu li proklamis sin la portanto de la novaĵo. La magistratanoj, laŭ konsilo de advokato, priparolis persekuton de li pro delikto, la diskonigo de senbazaj raportoj, al la granda maltrankviligo de la ŝtato. Nenio savis Dominicus-on, aŭ de amasaĉoleĝo aŭ tribunalo, sed elokventa apelacio de la juna virino por li. Parolanta iom de vortoj de kora dankemo al sia bonfarantino, li supreniris la verdan ĉaron kaj iris el la vilaĝo, sub artileriatako de la lernejknaboj, kiuj trovis sufiĉon da municio en la najbaraj argilfosaĵoj kaj kottruoj. Kiam li turnis sian kapon por interŝanĝi adiaŭrigardojn kun la nevino de S-ro Higginbotham, bulo, de la konsisto de pudingo trafis sian buŝon, donante al li plej senĝojan aspekton. Lia tuta persono estis tiel makulita per similaj kotaj ĵetaĵoj, ke li konsidiris reiri, kaj peti pri la minacata levado ĉe la vilaĝa pumpilo; ĉar, kvankam ne intencita afable, ĝi estus nun ago de karitato.

Tamen, la suno brilis al la povra Dominicus, kaj la koto, emblemo de ĉiuj makuloj de nemeritita malestimo, estis facile forbrosita kiam seka. Estante amuza kanajlo, lia koro baldaŭ reĝojiĝis; nek li povis sin deteni de kora rido pro la bruego kiun sia rakonto ekscitis. La folioj de la magistratanoj kaŭzos la areston de ĉiuj vaguloj en la ŝtato; la paragrafo en la Gazeto de Parker's Falls estos reprisita de Majno al Florido, kaj eble aperos en Londonaj ĵurnaloj; kaj multaj avarruloj tremos pro sia monsakoj kaj vivoj, kiam ili lernos pri la katastrofo de S-ro Higginbotham. La kolportisto meditis fervore pri la ĉarmoj de

la juna lernejmastrino, kaj ĵuris ke Daniel Webster [3] neniam parolis nek askpektis tiel anĝele kiel Fraŭlino Higginbotham, kiam ŝi defendis lin de la kolera popolo ĉe Parker's Falls.

Dominicus estis nun sur la Kimballton-pagŝoseo, antaŭe determininta por viziti tiun lokon, kvankam komerco prenis lin for de la plej rekta vojo el Morristown. Dum li proksimiĝis al la sceno de la supozita murdo, la cirkonstancoj daŭris ruli en lia menso, kaj li miris pri la aspekto kiun la tuta kazo montris. Se nenio okazus por konfirmi la rakonton de la unua veturanto, tion estus taksita kiel ruzo; sed la bruna viro evidente konis aŭ la raporton aŭ la faktojn; kaj estis mistero pri lia ĉagrenigita kaj kulpa aspekto kiam li estis subite pridemandita. Kiam, al tiu unika kombinaĵo de okazoj, oni aldonis tion, ke la onidiro konformas precize kun la karaktero kaj vivmaniero de S-ro Higginbotham; kaj ke li havis fruktarbaron, kaj sanktmikaela pirarbo, apud kiu li ĉiam pasis je la sunmalleviĝo: la cirkonstancaj indikaĵoj aspektis tiel forte ke Dominicus dubis ĉu la subskribo montrita de la advokato, aŭ eĉ la rekta atestaĵo de la nevino, devus esti ekvivalenta. Farinte zorgemajn demandojn survoje, la kolportisto plue lernis ke S-ro Higginbotham dungis irlandanon de dubinda karaktero, kiun li dungis sen rekomendaĵo, pro la ekonomio.

"Mi estu pendumita mem," ekkriis Dominicus Pike laŭte, kiam li atingis la kreston de senhoma monteto, "se mi kredas ke maljuna Higginbotham ne estas pendumita ĝis mi vidas lin per miaj propraj okuloj, kaj aŭdas ĝin per lia propra buŝo. Kaj mi havos la pastro aŭ iu respondeca viro kiel atestanto."

La ĉielo malheliĝis kiam li atingis la impostodomo sur la Kimballton-pagŝoseo, proksimume kvaronmejlo for de la tielnomita vilaĝo. Lia malgranda ĉevalino rapide proksimiĝis al rajdanto, kiu trotis tra la pordego iom antaŭe, kapjesis al la impostkolektisto, kaj daŭris al la vilaĝo. Dominicus konis la impostkolektiston, kaj dum interŝanĝo de mono, la kutimaj komentoj pri la vetero pasis inter ili.

"Bonvolu diri," diris la kolportisto, svingante sian vipilon, por trafi la flankon de la ĉevalino kiel plumo, "Ĉu vi vidis iom da maljuna S-ro Higginbotham hieraŭ aŭ hodiaŭ?"

"Jes," respondis la kolektisto. "Li pasis la pordegon ĵus antaŭ ol vi aperis, kaj tien li rajdas nun, si vi povas vidi lin tra la krepusko. Li estis ĉe Woodfield tiun posttagmezon, ĉe ŝerifvendon.[4] La maljunulo ĝenerale manpremas kaj babiletas kun mi, sed ĉi-nokte, li kapjesis--kvazaŭ diri 'debetigi mian imposton', kaj iris antaŭe; ĉar kien ajn li iras, li ĉiam devas reveni antaŭ la oka."

"Tiel oni diras," diris Dominicus.

"Mi neniam vidis viron, kiu aspektis tiel falva ka maldika kiel tiu sinjoro," aldonis la impostkolektisto. "Mi diris al mi, ĉi-nokte li aspektas pli kiel fantomo aŭ malnova mumio ol bona karno kaj sango."

La kolportisto streĉis siajn okulojn tra la krepusko kaj povis apenaŭ percepti la rajdanto nun malproksima sur la vilaĝa vojo. Li ŝajnis rekoni la malantaŭo de S-ro Higginbotham; sed tra la vesperaj ombroj, kaj inter la polvo de la ĉevalpiedoj, la figuro aspektis malluma kaj malsubstanca; kvazaŭ la formo de la mistera maljunulo estis malforte muldita de nigreco kaj griza lumo. Dominicus tremis.

"S-ro Higginbotham revenis de la alia mondo, per la Kimballton-pagŝoseo," li pensis.

Li ŝancelis la bridrimenojn kaj iris antaŭe, tenante proksime la sama distanco malantaŭ la griza maljuna ombro, ĝis la rajdanto estis kaŝita de kurbo de la vojo. Kiam li atingis tiun lokon, la kolportisto ne plu vidis la rajdanto, sed trovis sin ĉe la komenco de la vilaĝa strato, ne malproksima de kvanto da butikoj kaj du tavernoj, amasigita ĉirkaŭ la preĝejspajro. Maldekstre estis ŝtonmuro kaj pordo, limo de

arbareto, preter kiu kuŝis fruktarbaro, kaj pli preter, fojnkampo, kaj, fine, domo. Ĉi tiuj estis la ejo de S-ro Higginbotham, kies loĝejo staris apud la malnova ŝoseo, sed estis preterpasita de la Kimballton-pagŝoseo. Dominicus konis la lokon, kaj la malgranda ĉevalino haltis kvazaŭ instinkte; ĉar li ne konscie tiris la rimenojn.

"Pro mia animo, mi ne povas preterpasi tiun pordon!" li diris, tremante. "Mi neniam estos mia propra viro denove, ĝis mi vidas ĉu S-ro Higginbotham pendas de la sanktmikaela pirarbo!"

Li saltis de la ĉaro, volvis la rimenon ĉirkaŭ la pordfosto, kaj kuris laŭ la verda pado kvazaŭ la diablo mem ĉasis. Ĵus tiam la vilaĝa horloĝo sonoris la okan, kaj dum ĉiu sonoro aŭdigis, Dominicus saltis denove kaj kuris pli rapide ol antaŭe, ĝis, malhela en la centro de la fruktarbo, li vidis la fatalan sanktmikaelan pirarbon. Unu granda branĉo etendis de la malnova distordita trunko trans la pado kaj ĵetis ombron sur tiu unu loko. Sed io ŝajne baraktis sub la branĉo!

La kolportisto neniam pretendis havi pli da kuraĝo ol tiu, kiu konvenas viron de pacema okupo, nek li povis klarigi sian bravecon je tiu terura krizokazo. Certe estas, tamen, ke li rapidis antaŭe, sternis fortan irlandanon per la tenilo de sia vipilo kaj trovis--ne ja pendanta de la sanktmikaela pirarbo, sed tremanta sub ĝin, kun ŝnurmaŝo ĉirkaŭ lia kolo--la maljuna, identa S-ro Higginbotham!

"S-ro Higginbotham," diris Dominicus tremante, "vi estas honestulo, kaj mi fidos vian vorton. Ĉu vi estas pendumita aŭ ne?"

Se la enigmo ne estas jam solvita, malmutaj vortoj klarigos la simpla maŝinaĵo per kiu tiu "venonta evento" estis devigita "ĵeti sian ombron antaŭe". Tri viroj komplotis pri la rabo kaj murdo de S-ro Higginbotham; du el ili, sekve perdis ilian kuraĝon kaj fuĝis, ĉiu malfruiganta la krimon je unu nokto pro sia malapero; la tria faris la kriman agon, kiam ĉampiono, blinde obeanta la vokon de sorto, kiel la herooj de malnova romantiko, aperis per la persono de Dominicus Pike.

Restas nur diri, ke S-ro Higginbotham prenis la kolportiston en altan favoron, aprobis lian parolojn al la bela lernejmastrino, kaj heredigis sian tutan havaĵon al iliajn infanojn, donante al ili la interezon. Je la konvena tempo, la maljuna sinjoro faris la klimakson de sia favoroj, per kristana morto, enlite; ekde tiu malĝoja evento Dominicus Pike lasis Kimballton, kaj estigis grandan tabakfabrikon en la vilaĝo de mia nasko.

Notoj:

*[1] Religia sekto, konata inter aliaj kialoj, pro sia komuna vivo. La sekto malpermesis tabakon.*

*[2] Fumado inter virinoj estis tiam almenaŭ malkonvena. Sed multaj homoj en multaj landoj uzas tabakon malkonvene, sekrete.*

*[3] Fama oratoro kaj senatoro de la ŝtato Masaĉuseco, 1782-1852.*

*[4] Deviga vendo (ofte aŭkcio) de tero, domo, aŭ alia havaĵo por kolekti nepagitan imposton aŭ rekompenson ordonitan en proceson. En multaj usonaj lokoj, la ŝerifo estas la respondeca oficisto por konduki tiujn vendojn.*

## Esperantigis Lariko (Usono)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊